ĉiu revuo 8 € - 6 numeroj jare - novembro 2010 (5) - n-ro 24
ISSN (papere): 1647-6980

# La Karavelo

*internacia kultura magazino en esperanto*

## "Fini afrikan malsaton" signifas aŭskulti kultivistojn

*verkis: Stephan Leahy*
*trad.: Cindy McKee*



foto: Riz-kreskiga kanalo en Malio

# En la 24-a L.K.









**La Karavelo**

*esperanto-eldonejo*


Preferinde kontaktu La Karavelon ĉe
**lakaravelo@gmail.com**

LK-Katalogo ĉe
**www.lakaravelo.com**

**Adreso**
Dr. João José Santos
Rua Damasceno Monteiro,
21-B, r/c dto.
1170-109 Lisboa – Portugal

**Telefono** (+351) 218 127 801
**Fakso** (+351) 218 127 801 (telefonu antaŭe)
**PoŝTel.** (+351) 960 131 515



**ISSN (papera):** 1647-6980
**ISSN (DVD):** 1647-6999
**ISSN (reta):** 1647-3353

**Leĝa Depono en "Biblioteca Nacional de Portugal"**
301472/09

**Papera versio:**
ĉiu revuo: 8 € + sendokostoj
jara abono (6 revuoj): 48 €
(LK donacas la sendokostojn)
**Pdf-versio (neprintebla):**
ĉiu pdf-dosiero: 3 €
jara abono (6 pdf-oj): 12 €





***Stabo de La Karavelo***
Cindy McKee (Usono) 🕮 ✍
Djalma Pessata (Brazilo) 🕮
Eduardo Novembro (Portugalio) 🕮
Geraldo Mattos (Brazilo) 🕮
Gerrit Berveling (Nederlando) 🕮
João José Santos (Portugalio) 🕮 ✍
Kurt Fischer (Germanio) ✍
Leo De Cooman (Belgio) 🕮
Luiza Carol (Israelo) 🕮 ✍
Nikolaj Neĉaev (Rusio) 🕮
Roberto Ribeiro (Brazilo) 🕮
Roger Gotardi (Brazilo) 🕮 ✍
Valentin Melnikov (Rusio) 🕮 ✍

* 🕮 - verkas aŭ tradukas
✍ - revizias

***Fondis, Direktas, redaktas, kompostas***
João José Santos (Portugalio)




## Eldonoj de

# La Karavelo























| verko | aŭtoro | lingvo | pdf | libro | poŝto |
|---|---|---|---|---|---|
| **Magazino *La Karavelo***<br>ĉiu ekzemplero:<br>jara abono:<br>**Antikvaj numeroj de LK**<br>volumo 1 (01-6):<br>volumo 2 (07-12):<br>volumo 3 (13-19):<br>**volumo 1-2-3:** | Verkas, tradukas, revizias kaj kunhelpas ĉirkaŭ 20 homoj el multaj landoj. Konsultu la kolofonon de la lasta revuo. | esperanto | <br>3,00 €<br>12,00 €<br><br>00,00 €<br>00,00 €<br>00,00 €<br>00,00 € | <br>8,00 €<br>48,00 €<br><br>23,00 €<br>23,00 €<br>23,00 €<br>**46,00 €** | <br>(a)<br>(b)<br><br>(c)<br>(c)<br>(c)<br>**(b)** |
| ***Esperanto em 30 horas***<br>Lernolibro de esperanto por portugallingvanoj. | João José Santos | portugala<br>esperanto | 8,00 € | 25,00 € | (c) |
| ***Zamenhof, um cidadão do mundo***<br>DVD-dokumentario pri la vivo de Zamenhof. | Djalma Pessata | portugala | --- | 18,00 € | (a) |
| ***As bases do esperanto num sábado***<br>Esperanto-kurso en unu tago. La lernanto nepre devas havi la paperan version de la libro *Esperanto em 30 horas.* | João José Santos | esperanto<br>portugala | unutaga kurso<br>65,00 € | | --- |
| ***Rakontoj por ĉiuj aĝoj***<br>Libro com 26 rakontoj en facila esperanto. | Luiza Carol | esperanto | 6,00 € | 16,00 € | (a) |
| ***Liberaj tempoj***<br>Novelo pri unu tago en la vivo de manlaboristo. | Eduardo Novembro | esperanto | 6,00 € | 16,00 € | (a) |
| ***Nek titano nek Apolo***<br>50 poemoj. Ĉiu poemo estas en ambaŭ lingvoj. | João José Santos | esperanto<br>portugala | 6,00 € | 16,00 € | (a) |
| ***La ĝenerala asembleo***<br>Komeditragedio pri du malsamaj konceptoj pri esperanto-asocioj. | João José Santos | esperanto | 6,00 € | 11,00 € | (a) |
| ***Bildkartoj de LK - ĉiu***<br>Koloraj, 10cm x 15 cm. | João José Santos | esperanto | --- | 1,00 € | (a)<br>ĝis 15 |




| **sendokostoj** | | | |
|---|---|---|---|
| | **portugalio** | **eŭropa unio** | **aliaj landoj** |
| (a) | 3,00 € | 4,00 € | 5,00 € |
| (b) | Donace de LK | Donace de LK | Donace de LK |
| (c) | 3,00 € | 6,00 € | 8,00 € |

**Pagu per**
UEA-konto - poŝto - bankĝiro
**Rabatoj laŭ kvanto**
≥ 5 egalaj varoj –> 20%
≥ 15 egalaj varoj –> 25%
**Mendu ĉe**
La Karavelo
lakaravelo@gmail.com
Portugala Esperanto-Asocio (libroservo)
Sabate 15h-18h: tel. 217141359
Universala Esperanto-Asocio
http://katalogo.uea.org/

***La Karavelo***
*esperanto-editejo*

**Informoj pri La Karavelo**
Informiĝu per la LK-Katalogo el www.lakaravelo.com
Se vi plu havas dubojn, skribu al lakaravelo@gmail.com

**Subteno de La Karavelo**
Jen kiel vi povas subteni La Karavelon:
Abonu ĝin. – Aĉetu ĝiajn librojn. – Diskonigu ĝin.
Donacu varojn el La Karavelo.
Skribu aŭ vizitu niajn anoncantojn gratulante ilin pri anoncado sur niaj paĝoj.



**João José Santos**

joaojosesantos@gmail.com

# La Eŭropo de la porkoj

"Ĉiuj bestoj estas egalaj,
sed kelkaj estas pli egalaj ol la aliaj."
el *Animal Farm* de George Orwell

## Prologo

Post la Dianta Revolucio en Portugalio, okazinta en la 25-a de aprilo 1974, la lando donis la sendependecon al siaj afrikaj kolonioj. En tiu periodo oni rakontis cinikan anekdoton, kiu tamen saĝas:

«En iu eksportugalia afrika kolonio, la bazlerneja instruistino diris al la gelernantoj:

- Karaj geknaboj, okazis revolucio, bona revolucio, por fini ĉiujn maljustaĵojn. Nun ni ĉiuj estas egalaj. Ne plu ekzistas nigruloj kaj blankuloj. Nun ni estas ĉiuj bluaj.

La geknabaro kriis sian ĝojon.

La sekvan tagon, la nigraj kaj la blankaj geknaboj nature miksiĝis en la klasĉambro. La instruistino eniris, kaj vidante, ke la lernantaro sidiĝis tute mikse, ŝi ekkriis:

- Kia malordo estas ĉi tiu!? Oni ordigu ĉion! Helbluaj geknaboj sidiĝu antaŭe, la malhelbluaj malantaŭe!»

## Iam estis eŭropa revo...

Ĉiuj estas egalaj, sed kelkaj el ni estas... pli egalrajtaj ol la aliaj.

Same okazis inter la landoj de Eŭropo. En la komenco de la Eŭropa Komunumo, oni propagandis, ke ĉiuj eŭropaj landoj estas egalaj, same pri ĉiuj eŭropaj civitanoj.

Tiam la eŭropa popolano aŭskultis pri la fino de la landlimoj, pri ununura valuto, pri trairlibereco por ĉiuj eŭropaj civitanoj. La popolanoj tiam ne sciis, ke tiuj estos facilaĵoj ne por li mem individue, sed por ke la eŭropaj kaj usonaj entreprenoj pli liberece povu ekspluati la civitanojn. Efektive la etaj entreprenoj plu havas grandajn obstaklojn al la internaciaj negocoj, kaj la plejparto de la eŭropaj popolanoj ne havas monon por utiligi tian liberecon.



## La simpla vero de kompleksa situacio

Post dekoj da jaroj, tia eŭropa unuo ne plu havas nur ekonomian unuecon, sed ankaŭ politikan. Tamen, en ĝi, videble plu ekzistas multnombra homamaso vivanta en penado, kaj multaj en mizero, dum aliaj multobligas la riĉaĵojn. Kvankam la bonaj intencoj de kelkaj unuformigi la rajtojn de ĉiuj landaj popoloj, ekzistas tri Eŭropoj:

- la Eŭropo konsistanta el Germanio, Francio kaj Britio: grandaj landoj kun grandaj merkatoj, la riĉa Eŭropo;

- la Eŭropo de Nederlando, Belgio, Svisio kaj de aliaj landoj, kies ekonomioj sufiĉe fortikas por elteni la ekonomiajn krizojn, tio estas, por elteni la ekspluatadon kaj la spekulacion; la proksimeco de tiuj malgrandaj landoj al la landoj de la unua grupo larĝigas iliajn merkatojn;

- finfine, la Eŭropo konsistanta el Portugalio, Hispanio, Grekio, Irlando kaj kelkaj aliaj sammalforte ekonomiaj landoj; ĉi tiuj landoj estas ĝenerale en la periferio de Eŭropo, kaj ne havas facilan alireblecon al la fortaj merkatoj de Germanio, Francio kaj Britio.

Oni klare vidas en ĉi tiu situacio, ke la landestroj de la tri pli riĉaj eŭropaj landoj regas Eŭropan Union. La prezidanto de la Eŭropa Komisiono, D-ro José Manuel Durão Barroso, portugalo demokratie elektita inter ĉiuj eŭropaj politikaj fortoj, pli kaj pli estas ornama vizaĝo. Ja havante prezidenton, parlamenton kaj aliajn demokratiajn

instituciojn, ĉi tiu Eŭropo trompas ĉiujn civitanojn, ŝajnigante demokration, kiu vere ne ekzistas. Dum longa tempo, la eŭropanoj skoldis la usonan socion, pro ilia adorado al la dio Dolaro. Tamen, ĝuste tio okazas en la nuna Eŭropo. Ĉiaj valoroj submetiĝas al ununura logiko: la forto de la dio Eŭro.

## Ni la porkoj

Post la eko de ĉi tiu ekonomia krizo, rapide oni nomis la sudeŭropajn popolojn: la porkoj. Oni ne faris tion en esperanto, kompreneble, sed en la angla: ***PIGS*** - ***P****ortugal,* ***I****taly,* ***G****reek,* ***S****pain*.

Por la riĉaj landoj, por la riĉegaj familioj kaj por la enormaj entreprenoj tute ne gravas distingi kelkajn porkojn de aliaj porkoj. Eĉ se oni maljuste mise enmetas malgrandulon en tiun kategorion, tio ne gravas por la povuloj, ĉar efektive la nomo *PIGS* ne baziĝas sur koncepto ekonomia, sed rasisma.

Se la koncepto estus vere ekonomia, do ankaŭ Irlando apartenus al la grupo de la porkoj: tamen ĝi estas ekster la grupo. Se la koncepto ne estus rasista, Italio, kies ekonomio estas multe pli bonfarta ol tiu de la aliaj mediteraneaj landoj, estus for de la grupo.

La grupigo de tiuj kvar landoj en la kategorio "porkoj" nur havas unu bazon: kelkaj homoj el kelkaj popoloj sin pensas superaj rilate la mediteraneajn landojn. Laŭ ili, la mediteraneaj landoj ne scipovas konduti, fuŝas ĉion en kio ili enmetiĝas, kaj entute vivas kiel... porkoj.

Tiu pensmaniero ne estas nova. Ĝi estis la pensmaniero de Hitlero.

La diskriminaciaj agoj malpermesi islamajn morojn en Francio kaj forigi la ciganojn el ĉi tiu lando, estas maldeca kaj senhonta elmontro de rasismo, kiu devus esti kriata de ĉiuj civilizitaj homoj. Bedaŭrinde, la lando kiu portis la valorojn de Libereco, Egaleco kaj Frateco en la mondon, estas nun la unua donanta ekzemplojn de nazia konduto. Kiuj estas do la porkoj?

## Konkludo

Oni facile konkludas, ke en Eŭropo regas la principoj de la citita afrika instruistino. Tiuj estas la samaj principoj regantaj la farmbienon de George Orwell.

Kelkaj estas mistraktataj kiel porkoj, aliaj agas kiel porkoj, do ĉiuj estas egalaj, ĉar ja iel ĉiuj estas porkoj.

★

# Olga Serra Marques Almeida

**(1923/2010)**[1]



***A. S. Almeida***

verkis la biografieton de sia edzino

Ŝi esperantistiĝis en la jaro 1950-a. En tiu sama jaro mi konatiĝis kun ŝi, en iu vespera sabato, en kafejo kie renkontiĝis ĉiusemajne tiamaj geesperantistoj, ĉar tiutempe Portugala Esperanto-Asocio ankoraŭ ne estis fondita. Ni geedziĝis en la jaro 1957-a.

Kiel unu el la fondintoj de Portugala Esperanto-Asocio en la jaro 1972-a, ŝi aniĝis tiam al ĝi kun la membronumero 6.

En tiu sama jaro, ŝi iĝis la sekretariino de la asocia Estraro ĝis 1984-a, t.e., dum 12 jaroj, kaj tiam ŝi estis nomumita kiel sekretariino de la Kontrol-Komitato ĝis 1990-a, kiam ŝi estis la prezidantino de ĉi tiu sama Stabo, ĝis 1992-a.

Dum sia laboro kiel sekretariino, ŝi prizorgis krom la sekretarian laboron, ankaŭ la Libro-Servon dum pluraj jaroj.




**Live dekstren: João José Santos prelegas, sidas Gonçalo Neves, Olga Almeida, Franco Simões, Francisco Cabezas kaj Fernando Costa. En la kultura asocio *Voz do Operário* en Lisbono (1989-12-06) kunmemore de la 130-jariĝo de la naskiĝo de Zamenhof.**

*Nian Bultenon*, la organo de PEA, ŝi direktis de 1975 ĝis 1999, entute 75 numerojn. En ĝi ŝi verkis kaj tradukis kelkajn artikolojn.

Olga prizorgis la kolekton de priesperantaj eltondaĵoj, el ĵurnaloj kaj gazetoj, portugalaj kaj eksterlandaj. Prizorgis ankaŭ la fotoalbumojn de portugalaj kaj ankaŭ alilandaj samideanoj vizitintaj Portugalion, identigante la fotitojn, kiam tio eblis.

Ŝi estis unu el la du akolitoj de la unua esperanta meso okazinta en Portugalio. Ŝi estis la peranto de *Esperantista Vegetarano* en Portugalio. Ŝi instruis hejme la Internacian Lingvon.

Olga Almeida estis iam konsiderata kiel la plej bona portugala esperantistino.

★

1 Ŝia forpaso estis anoncata en *La Karavelo* n-ro 21, paĝo 4. Ŝia edzo, A. S. Almeida, estas unu el la plej elstaraj portugalaj esperantistoj (legu ankaŭ ĉe LK-20, p.19). (noto de JJS)



***Gerrit Berveling***
verkis la biografion
trad. el la Latina

LK dankas la bildojn al Vikipedio:
http://pt.wikipedia.org/wiki/Bernardo_de_Clairvaux

# *Kelkaj Leteroj de Bernardo de Clairvaux*

***de Bernardus Claravallensis (ĉ. 1090-1153)***



## FORTA PERSONO EN ĤAOSA TEMPO[1]

Bernardo naskiĝis en Fontaines apud Dijon, Burgundio, el nobela familio. En 1112, kun ĉ. 30 kunuloj, li membriĝis en la monaĥejo Cîteaux, la bazo de la Cistercianoj. La ordeno ekfloris kaj mirinde disvastiĝis; li fondis 68 klostrojn. Mem Bernardo estis taskita fondi novan monaĥejon en Clairvaux, kiu fariĝis centro el kie fondiĝis multaj de la novaj monaĥejoj.

Bernardo estis forta persono kiu havis multege da influo ĝis longe ekster sia ordeno. Li havis rilatojn kun preskaŭ ĉiuj gravuloj de sia tempo, donis petite aŭ nepetite konsilojn pri ĉiuj demandoj kaj problemoj. Restas de li pli ol 350 predikoj kaj ĉ 460 leteroj.

Kiam mortis papo Honorio la 2-a, la nokton de 13-14 de februaro en 1130, estiĝis skismo ĉar oni elektis preskaŭ tuj du papojn: Inocenzo la 2-a kaj Anakleto la 2-a. Ambaŭ estis konsekritaj la saman tagon, la 23-an de februaro! La Franca reĝo, Ludoviko la 6-a, kunvokis nacian koncilion, kiu elektis Bernardon por interveni en ĉi tiu konflikto. Efektive, la Franca kaj la Germana reĝoj kaj multege da Italaj potenculoj intervenadis daŭre, okupante teritoriojn, blokante urbojn ktp, ĝis fine mortis Anakleto la 2-a en 1138; lia elektita posteulo, (kontraŭ-)papo Viktoro la 4-a, estis konvinkita de Bernardo retiriĝi. En 1139 Inocenzo la 2-a kunvokis la 10-an ekumenan koncilion, la 2-an Lateranan, kiu faris plurajn reformojn ekleziajn kaj finis la skismon. Kondamnita estis i.a. la instruoj de l' monaĥo Arnaldo de Brescia[2], kiu serĉis apogon ĉe Abelardo[3]. La loka koncilio de Sens en 1140, tamen, estis grava venko por Bernardo kontraŭ la nova raciisma teologio de Abelardo – teologie kaj intelekte malpli forta ol Abelardo, li sciis kondamnigi lin (1140). Unu el liaj iamaj lernintoj, Bernardo de Pisa, fariĝis papo Eŭgenio la 3-a. De li Bernardo ricevis la taskon kontraŭbatali herezaĵojn. Tion li faris tre energie. Samtempe li ankaŭ akre batalis kontraŭ la – laŭ li – troa senenergieco de la malnova benediktana tradicio en la monaĥejo de Cluny.

Eŭgenio la 3-a ankaŭ igis lin prediki en 1146 la (ne tro sukcesan) 2-an krucmiliton.

Liaj ĉefaj verkoj estas i.a.:

*De gradibus humilitatis* – Pri la ŝtupoj de humileco;

*De diligendo Dio* – Kiel ami Dion;

*De moribus et officiis episcoporum* – Moroj kaj oficoj de episkopoj;

---

[1] Tiu ĉi enkonduketo venas el mia verkata *Antologio Latina* volumo 9.

[2] Arnaldo de Brescia (1090-1155) studis ĉe Abelardo, legis tie vaste la ekleziajn patrojn; poste li revenis al Italio kie li agadis kontraŭ la simonio, la riĉeco eklezia, la ĉi-mondaj potenco kaj posedaĵoj de la eklezio ktp. Oni kondamnis lin kiel herezulon en 1139; li iris serĉi helpon ĉe Abelardo, sed ekzilita el Francio, vagis tra Bohemio, Zuriko, iris al Romo, kie papo Eŭgenio la 3-a pardonis lin; en la revolucia movado en Romo, kie oni nuligis plurajn papajn funkciulojn por re-enkonduki la praan Romian konstitucion, li plene fariĝis politika aganto. Post multaj peripetioj – i.a. murdo je kardinalo – Arnaldo kaj la arnaldistoj perdis la potencon en la Urbo; Arnaldo estis kondamnita je pendumo; lia kadavro estis bruligita ŝtipare.

[3] Vidu en *La Karavelo* n-roj 1 kaj 18.



*De gratia et liberio arbitrio* – Graco kaj la libera volo;

*De laude novae militiae* – Laŭdo de la nova milito;

*De baptismo* – Bapto;

Contra errores Abaelardi – Kontraŭ la eraroj de Abelardo.

Plej grava fariĝis lia serio da 86 predikoj pri la Alta Kanto, en kiu oni renkontas ege profundan mistikulon. En 1830, papo Pio la 8-a nomumis lin *Doktoro de la Eklezio*.

Li mortis la 20-an de aŭgusto 1153 en Clairvaux.

## EL LA LETERARO DE BERNARDO DE CLAIRVAUX

**Letero 153** – *Al Henriko arĥidiakono*

*Ĉu valida estas bapto plenumita per la formulo "Mi vin baptas en la nomo de Dio kaj de la sankta kaj vera kruco."*

Al sia amata Henriko arĥidiakono – frato Bernardo abato de Clairvaux – saluton kaj preĝojn.

1 Mallonge pri via demando ni respondos, sen antaŭjuĝo sed kun sana juĝo. Knabon el utero elŝiritan pro risko de morto baptis iu laiko, kiel vi diras, sen sekvi la kutiman formulon sed dirante: «Mi vin baptas en la nomo de Dio kaj de la sankta kaj vera kruco.» Vi demandas, ĉu la knabo nun estas baptita aŭ, se li postvivos, ĉu li devas esti rebaptita? Mi opinias lin baptita: ne la sono de la voĉo sed la seriozeco de la fido kaj la pia intenco devas esti decidigaj. Mi jam silentu pri tio, ke en la nomo de Dio li jam esprimis la esencon de l' Triunuo; kaj kiam li aldonis «de la sankta kaj vera kruco», li klare memorigis la pasionon de nia Sinjoro. Aŭ ĉu alimaniere ni komprenu la Apostolon kiu foje diris *Kiu volas fieri, tiu fieru en la Sinjoro* (1 Kor 1:31); sed ni fieru pri la ligno mem, ne pri la graco de la krucumito[4], ĉar li diris: *Mi neniam fieru pri io alia ol pri la kruco de nia Sinjoro Jesuo Mesio* (Gal 6:14). Ĉar, kiam laŭ la kutima regulo de la eklezio ni diras baptante: «En la nomo de la Patro kaj de la Filo kaj de la sankta Spirito», nenio alia estas komprenenda ol ĉe la konfesado pri la Triunuo. Kaj konfeso pri la sankta kruco ne estas io alia ol konfeso pri la krucumito. En Agoj de Apostoloj ni legas ekzemple ne nur «En la nomo de la Patro kaj de la Filo kaj de la sankta Spirito», sed ankaŭ «ke ili estu baptitaj en la nomo de Jesuo Mesio» (Ag 10:48).

2 Vi plu demandas pri la baptinto, ĉu li pekis, kaj ĉu ankaŭ aliaj povos imiti tiun ĉi formon. Kvazaŭ estus la konsekvenco, se ĉi-kaze la simpleco de ulo ŝajne ekskuzas lin, ke ĉi tie estas neniu, aŭ ne granda peko; kaj do baldaŭ oni ja trovos homojn, kiuj pro senzorgeco sin kredas pardonindaj, se ili enkondukas novan riton ĉe la bapto. Sed se iu asertas, ke ĉi tiu homo faris pekon, mi almenaŭ opinias ke ne okazis peko, kaj ke nek ĉe la baptinto, nek ĉe la homo kiu estis baptita, iu ajn povos kondamni lin koncerne la saviĝon. Ŝajnas ja, ke li ne agis pro malŝato de formulo de la eklezio, sed nur pro pieco, kaj nur en sia pia hasto eskapis lin tiuj ĉi vortoj.

**Letero 331** – *Al Hildegard alta abatino*

*Post modesta malakcepto de laŭdo al sia persono*[5]*, li admonas ŝin, ke ŝi rekonu la gracon de Dio al ŝi, kaj petas ke ŝi preĝu por li.*

Al la amata fratino en Kristo Hildegard – frato Bernardo abato de Clairvaux – Se ion kapablas preĝo de pekanto.

Ke pri nia malgraveco ŝajne pluraj juĝas komplete malsame ol mia konscienco juĝas pri si mem, tio estas atribuenda ne al miaj meritoj, sed al la homa stulteco. Al la dolĉeco tamen de via pia amo mi hastas skribi; kvankam la amaso da taskoj devigas min fari tion multe malpli longe ol mi dezirus.

[4] Sarkasme.

[5] Hildegard de Bingen (1098-1179) skribis al li kun ega laŭdo.

Ni laŭdas vin pro la graco de Dio kiu estas en vi, kaj ni admonas ke vi konsideru ĝin kiel gracon, kaj ke vi per via tuta humila kaj devota sindediĉo provu reagi al ĝi: sciante ke Dio rezistas al fieruloj, sed gracon donas al humiluloj. Kiom estas en ni, ni instigas kaj petas vin. Sed kie estas interna erudicio kaj sanktoleado por instrui aliajn, kiel do ni povus instrui aŭ admoni? Oni diras ja, ke eĉ ĉielajn sekretojn vi traserĉas, kaj ke aferojn, kiuj estas super la homoj, dank' al iluminiĝo de la sankta Spirito vi ekkonas.

Tial ni des pli petas kaj demandas, ke vi memorigu pri ni ĉe Dio, kaj same pri tiuj, kiuj al ni estas ligitaj en komuna spiriteco. Ĉar vi ligiĝas spirite al Dio, ni konfidas do, ke vi multe povos utili al ni kaj helpi. Multe ja valoras la daŭra preĝado de justulo. Ankaŭ ni daŭre preĝas por vi, por ke vi plifortiĝu por la bono, pli instruiĝu pri ankoraŭ pli profundaj aferoj, estu gvidata al la nepereemaĵoj: tiel ke la homoj, kiuj metis sian esperon en Dio, ne stumblu en malespero pro vi; sed ke, bone fortigitaj en la sukceso de via benateco, kiun vi scias esti ricevinta de Dio, ili pli kaj pli profitu.

***Letero 365*** *– Al Henriko, ĉefepiskopo de Mainz*

*Argumentado kontraŭ la monaĥo Rudolfo, kiu provizis la fidulojn per armiloj por murdi Judojn.*

Al la estimata sinjoro kaj karega patro Henriko ĉefepiskopo de Mainz – Bernardo abato de Clairvaux – Trovi gracon ĉe Dio.

1 La leteron de via eminenco[6] mi ricevis kun la ŝuldata respekto; sed pro la amaso de miaj taskoj mi mallonge reagos. Ke vi deponis vian plendon ĉe mi, estas signo kaj pruvo de via amo kaj indiko de via humileco. Kiu ja estas mi, aŭ kiu estas la domo de mia patro, ke malŝato pri ĉefepiskopo aŭ maljusto al metropolita seĝo[7] estu direktita al mi? Ĉu mi ne estas eta knabo, kiu ne scias mian eniron kaj eliron[8]? Tamen mi bone konas la vortojn de la Vero, kiu eliris el la buŝo de la Plejalta: *Neeviteblas ja ke venos stumbligoj, sed ho ve al la homo, per kiu venas la stumbligo*. (Mat 18:7) La viro, pri kiu temas en via letero[9], venas nek de homo, nek pere de homo, sed ankaŭ ne kiel sendito de Dio[10]. Se monaĥo aŭ ermito li sin nomas,



li prenas el tio sian liberecon, aŭ sian taskon prediki; li povas scii kaj devas scii: por li la urbo devas esti karcero, la dezerto – paradizo. Sed ĉi tiu, male, prenas la dezerton por karcero, kaj la urbon por paradizo. Ho senkora homo! Ho senhontulo! Sian stultecon li metis super kandelabron, por ke ĝi brilu por ĉiuj en la domo.

2 En ĉi tiu okazo temas pri tri kialoj por kritiki lin: misuzo de predikado, malŝato de episkopoj, libereco aprobi murdon. Novspeca potenco. Ĉu vi estas pli granda ol nia patro Abraham, kiu laŭ ties neado remetis la glavon, kiun unue li eklevis? (Gen 22) Ĉu vi estas pli granda ol la princo de la apostoloj, kiu demandas la Sinjoron: *Sinjoro, ĉu per glavo ni ekbatalu?* (Luk 22:49) Sed vi estas instruita pri la tuta scio de l' Egiptoj, t.e. la scienco de ĉi mondo, kiu estas stulto antaŭ Dio (1 Kor 3:19). Alimaniere vi solvas la demandon de Petro, ol tiu kiu diris: *Remetu la glavon sialoken. Ĉar ĉiuj kiuj prenas la glavon, mortos per la glavo* (Mat 26:52). Ĉu la eklezio ne pli abunde triumfas pri la Judoj ĉiutage, ĉu konvinkante ĉu konvertante ilin, ol se Ĝi konsumos ilin per la glavo? Ĉu vane estas fiksita tiu universala preĝo de la

[6] Titolo por eklezia altrangulo.

[7] Metropolito – PIV2.

[8] Biblia esprimo por: kiu estas plej simpla.

[9] Loka monaĥo instigis la simplulojn por armile mortigi la judojn.

[10] Do de la Diablo. Vidu poste.



eklezio, kiu estas oferata pro la nekredantaj[11] Judoj je matenleviĝo kaj je sunsubiro, por ke nia Dio kaj Sinjoro forigu la vualon de iliaj koroj, por ke ili venu el sia mallumo al la lumo de la vero? Se la eklezio ne esperus, ke ili – nekredantoj – fariĝos kredantoj, superflue kaj vane povus ŝajni preĝi por ili. Sed Ĝi rigardas per la okulo de l' pieco, ĉar la Sinjoro atentas la gracon ĉe tiu, kiu repagas bonon pro malbono, kaj amon pro malamo. Ĉar kie do estas tiu diraĵo: Atentu: *Ne mortigu ilin?* (Ps 59.11), kie estas: *Kiam la plimulto de l' gojoj*[12] *estos enirintaj; tiel saviĝos finfine tuta Izrael?* (Rom 11:25-26), kie estas: *La Eternulo konstruas Jerusalemon, la elpelitojn de Izrael Li kolektos*? (Ps 147:2) Ĉu vi faras mensulojn el la profetoj, kaj ĉu vi neniigos ĉiujn trezorojn de la amo kaj kompatemo de Jesuo Kristo? Via instruo ne estas via – sed de li, kiu sendis vin – de via patro[13]. Sed mi kredas, ke sufiĉas al vi, se vi similas al via instruisto. Li ja estis murdisto dekomence: Mensugulo li estas, patro de mensogoj (Joh 8:44). Ho monstra scienco! Ho infera saĝo, kontraŭa al la profetoj, malamika al la apostoloj, inversigo de pieco kaj graco! Ho plej fia herezo! Ĉiesulino sakrilegia, kiu – trempita en spirito de falseco – koncipis doloron, kaj naskis pekon! (Ijob 15:35) Mi ŝatus, sed ne licas, daŭrigi.

Por resumi tre koncize, kion pri li mi sentas: li estas en siaj propraj okuloj homo granda, sed plena je aroganteco. Liaj diroj kaj faroj pretendas fari lian nomon granda apud la nomoj de homoj vere grandaj en la mondo: sed li ne havas sufiĉe da mono por plenumi tion. Saluton.

[11] Tiu vorto kiu en modernaj lingvoj sonas kvazaŭ "perfidaj" estis forstekita el la liturgiaj preĝoj de Johano la 23-a antaŭ la 2-a Vatikana Koncilio.

[12] = nejudoj.

[13] La diablo.

***Letero 375*** – *Al grafino Ida de Nevers*

*Li plendas, ke monaĥoj de Vézelay estas minacataj de servantoj de la grafino.*

Al sia amata filino en Kristo, grafino de Nevers – frato Bernardo, abato de Clairvaux – Saluton kaj preĝojn.

La honorinda abato de Vézelay plendas, ke vi kaj viaj servantoj komercistojn kaj aliajn homojn, kiuj volas iri al Vézelay, malhelpas: ĉar tion la karmemora grafo Vilhelmo kaj lia filo, en ĉeesto de la sinjoro de Auxerre kaj de mi plej funde malpermesis kiel malpia kaj maljusta, ni admonas kaj petas, ke neniam plu tion vi faru iamaniere. Ni ja timas, se vi komencas pri tiaj aferoj, ke eble ankaŭ al vi ĉi tie kaj al via vasalo, kie li estas, oni multe povas ĝeni – kion ni absolute ne volas. Do kredu nin, kaj tute ĉesigu pri tia ĝenado.

***Letero 376*** – *Al abato Suger*

*Li admonas kaj petas, ke li rezistu al dueladoj de pluraj princoj.*

*Al la honorinda patro kaj sinjoro Suger, abato pro Dia graco de Saint-Denis – frato Bernardo, abato de Clairvaux – Saluton kaj preĝojn.*

Nun estas tempo kaj necesas, ekkapti la glavon de la spirito, t.e. la parolon de Dio, kontraŭ la elpensaĵoj de l' diablo, kiuj denove provas reekflori. Ĉar tiuj viroj, kiuj revenis, fiksis ĉi malbenitajn foirtagojn post la Paskofesto, kaj sinjoro Hendriko, filo de la grafo, kaj sinjoro Roberto, frato de la reĝo, en sia senbrideco decidis algalopi unu kontraŭ la alia kaj interbuĉi sin. Atentu, kun kia volo ili ekiris la vojon al Jerusalemo, ĉar kun tia deziro ili revenis. Kiel prave oni povas diri pri ili: *Ni kuracis Babelon, sed ĝi ne saniĝis!* (Jer 51:9); *Vi batas ilin, sed ili ne sentas doloron; Vi preskaŭ pereigas ilin, sed ili ne volas preni moralinstruon* (Jer 5:3). Post tiom da penado, post tiom da danĝeroj, per kiuj suferigis ilin la torturo de aĉuloj kaj ĉagreno, nun la regno estas en paco, kaj sinjoro reĝo ne ĉeestas: ankaŭ per ĉi tiu duopo la tero povas speciale moviĝi, eĉ perturbiĝi. Mi do petegas kaj admonas vian Altecon, ĉar vi estas la plejalta princo en ĉi tiu regiono, ke aŭ per malrekomendado, aŭ per perforto, laŭ tuta kapablo vi rezistu, ke tio ĉi ne plu okazu: tio ja decas al via persona honoro, al via lando, kaj al la utilo de l' eklezio de Dio. Perforto mi nomas tion, kio koncernas eklezian disciplinadon. Ni skribas ĉi tion same al la sinjoro de Reims, la sinjoro de Sens, la sinjoro de Soissons, la sinjoro de Auxerre, la grafo Teobaldo, la grafo Rudolfo. Kontraŭbatalu al tiaj malbonaĵoj, pro via sinjoro la reĝo, kaj pro sinjoro la papo, al kiu apartenas prigardi la regnon. ★



Luiza Carol

# NOVAĴOJ EL LA PLANEDO ORET

(*Desegnita pejzaĝo en la fono. Horloĝo anoncas la horon.*)

**Robota voĉo:** Estis la 13-a horo, ĉe la meridiano nulo de la planedo Oret.

**Ka-raportisto:** Saluton, teranoj! Mi estas Ka-raportisto de la tri-dimensia televida elsendejo "Anteno Kalando". Ni troviĝas sur la Monto de Karur. Jen la obelisko de Karur, ĉe la limo inter Kalando kaj Rulando. (*Oni aŭdas mitralojn.*)

La nomo de Karur brilas per oraj literoj engravuritaj de la pinto ĝis la bazo de la fama obelisko. Tiuj ĉi literoj simbolas la orajn larmojn de Karur, kiuj falis surteren, kiam Karur leviĝis en la ĉielon. De jarcentoj, la adeptoj de Karur kutimas veni sur tiun ĉi monton, por surgenui kaj preĝi. Jen ili movas siajn brakojn de supre malsupren, samkiel la sanktaj larmoj de Karur falis iam: de supre malsupren. Sur la orienta deklivo de la monto, ni spektas akran lukton. Tiu ĉi estas unu el la multaj agresemaj agadoj organizitaj de la fia PRO (Paca Ruraka Organizo). La militistoj de PRO pafas al la orienta vojo de la Monto de Karur, la tiel nomata "Senlimama Vojo". (*Oni aŭdas preĝantojn kaj mitralojn.*)

La helikopteroj de PRO bombardas la pacemajn karurajn vilaĝojn, troviĝantajn sur la orienta deklivo. La Senlimama Vojo estas sangoplena. Frakasitaj kadavroj de viroj, virinoj kaj infanoj kuŝas en la polvo.

**Ru-raportisto:** Saluton, teranoj! Parolas Ru-raportisto de la tri-dimensia televida elsendejo "Voĉo de Rulando". Ni troviĝas sur la okcidenta vojo de la Monto de Rurak, la tiel nomata "Eternapaca Vojo". Ni spektas agresajn agojn, kiuj ŝajnas nekredeblaj por nia civilizita mondo. (*Oni aŭdas tankojn.*)

La tankoj de la KLP (la Karura Ligo por Paco) pafas al la pacemaj Rurakaj vilaĝoj, kiuj troviĝas ĉe la piedo de la monto. La tankoj proksimiĝas al la obelisko de Rurak. (*Oni aŭdas mitralojn.*)

Sur la obelisko, oni povas legi la nomon de Rurak, engravuritan per oraj literoj de la bazo ĝis la pinto. Ni rememoru, ke la nomo de Rurak estas skribita de malsupre supren, ĉar la varmaj larmoj de Rurak leviĝis tiudirekten, al la ĉielo. Tial la adeptoj de Rurak surgenuas antaŭ la obelisko, movante siajn brakojn supren. (*Oni aŭdas preĝantojn kaj mitralojn.*)

La Karuraj tankoj kaj helikopteroj daŭre pafas. Sur la Eternapaca Vojo troviĝas frakasitaj kadavroj. (*Okazas granda eksplodo. Ŝanĝiĝas la desegnaĵo en la fono.*)

La eksplodo, kiun vi ĵus aŭdis, estis la fino de unu erao. Falis la obelisko de Rurak.

**Ka-raportisto:** Estimataj gesinjoroj, vi ĵus aŭdis la eksplodon, kiu detruis la obeliskon de Karur, la plej faman simbolon de paco kaj amo. (*Horloĝo anoncas la horon.*)

**Robota voĉo:** Estis la 14-a horo, ĉe la meridiano nulo de la planedo Oret.

**Ka-raportisto:** Saluton, teranoj! Parolas la tri-dimensia televida elsendejo "Anteno Kalando". (*Amaso da homoj bruas.*)

Ni troviĝas ĉe la piedo de la Monto de Karur, kie komenciĝas la Senlimama Vojo. Tio estas la manifestacio de la Feminista Karura Movado (FKM). Ĉiuj virinoj venis tien ĉi pere de siaj propraj amfibiaj tankoj je la modelo Abrikotofloro. La tuja parolonto estas s-ino Oejau, la gvidantino de FKM.

**S-ino Oejau:** La mondo estas ĉe la bordo de abismo, kaj tio okazas nur pro la fakto, ke la viroj faras la plej gravajn decidojn pri militaj problemoj! (*Entuziasmaj aplaŭdoj.*)

Ni, la virinoj, estas pli sentivaj ol la viroj. Pro la fakto, ke ni naskas kaj mamnutras infanojn, ni nature komprenas pli bone ol la viroj la gravecon de la paco. Ni devas defendi la pacon kaj lukti por konservi ĝin. (*Entuziasmaj aplaŭdoj.*)

Nun, la Rurakaj militistoj okupis la Senlimaman Vojon. Ni ne devas atendi la decidojn de la viroj. Ni detruos ĉiujn, kiuj volas detrui nian pacon! (*Entuziasmaj aplaŭdoj.*)

Ni savu la pacon! (*Entuziasmaj aplaŭdoj.*)

Virinoj kun beboj en la brakoj, ekiru antaŭen! Gloron al la paco! (*Entuziasmaj aplaŭdoj.*) Ek!!! (*Horloĝo anoncas la horon.*)

**Robota voĉo:** Estis la 15-a horo, ĉe la meridiano nulo de la planedo Oret.

**Ru-raportisto:** Saluton, teranoj! Parolas la tri-dimensia televida elsendejo "Voĉo de Rulando". (*Oni aŭdas bruadon de infanoj.*)

Ni troviĝas sur la okcidenta deklivo de la Monto de Rurak, ĉe la komenco de la Eternapaca Vojo. Ni spektas manifestacion de infanĝardenaj infanoj. Tiuj ĉi infanoj venis tien ĉi per siaj propraj tanketoj kun lasero, je la modelo "Ĝoja Kolombo". Ni tuj aŭskultos Ŝian Sanktecon Plej Feliĉan Pastron Uajeo, la gvidanton de la Ruraka Infana Movado.

**Pastro Uajeo:** "La infanoj estas la lumo de la vivo!" Tiel estas skribita en la libro de Rurak. (*Aplaŭdoj.*)

"La infanoj savos la pacon de la mondo." Tiel estas skribita en la libro de Rurak. (*Aplaŭdoj.*)

Ĉio skribita en la libro de Rurak estas sankta. Rurak neniam malpravis. (*Aplaŭdoj.*)

La Eternapaca Vojo estas nun sub Karura okupado. Profunde subgrunde, en la kerno de la monto, troviĝas la sekretaj tuneloj, kie Rurak kaŝis la Sanktan Teleregilon. Tiu ĉi detruos subite ĉiujn niajn malamikojn, laŭ la sanktaj vortoj de Rurak. En la mallarĝajn kaj malaltajn tunelojn, nur infanoj kapablas eniri. Tio signifas, ke nur niaj infanoj kapablas kaj meritas atingi la Sanktan Teleregilon. Kial niaj infanoj? Ĉar jen kio estas skribita en la libro de Rurak: "La infanoj savos la pacon de la mondo!" (*Aplaŭdoj.*)

Tuj okazos la delonge atendata miraklo, promesita de Rurak. (*Ŝi ekparolas al la infanoj.*)

Karegaj geinfanoj! Nun ni ludos nian plej ŝatatan kaŝludon! Iru en la tunelojn kaj serĉu la Teleregilon! Ek!!! (*Aplaŭdoj.*)

**Geinfanoj:** Gloron al la paco! (*La infanoj aplaŭdas. Paŭzo. Eksplodo. Mallumo. Senfona scenejo. Krepuska lumo. Vento blovas.*)

**Ka-skorpio:** Saluton, teranoj! Nigraj radioaktivaj nuboj troviĝas super ni. Finfine, venis la paco. La homa civilizo finiĝis sur la planedo Oret. Nun la planedo estas nia tutece. Ni estas inteligentaj fosforeskaj skorpioj kun DNA molekuloj rezistantaj al atomaj radiadoj. Ni estas la Ka-skorpioj. Ni atendis dum jarcento en la groto de Karur, lernante pri la homa historio sur tiu ĉi planedo. Nun estas la taŭga tempo por ke ni regu kaj komencu novan civilizon, kiu stariĝos sur racio.

**Ru-skorpio:** Saluton, teranoj! Ni estas la Ru-skorpioj el la groto de Rurak. Ni estas la inteligentaj fluoreskaj skorpioj, kiuj rezistas al atomaj radiadoj. Ni atendis dum 100 jaroj en la groto de Rurak, lernante politikon el la homaj estaĵoj. Ni estas tiuj, kiuj regos la planedon per la forto de nia saĝeco.

**Ka-skorpio:** Du rasoj ne povas vivi kune sur la sama planedo. Ne estas spaco sur la planedo Oret por pli ol unu raso, unu lingvo, unu religio, unu reganto.

**Koruso de Ka-skorpioj:** (*Kriade.*) Prave! Prave! Prave!

**Ru-skorpio:** Malsimilecoj inter individuoj estas la plej granda malfeliĉo de la historio de homaro sur la planedo Oret. Malsimilecoj detruas la pacon. Kaj paco estas la plej valora trezoro de ajna civilizo.

**Koruso de Ru-skorpioj:** (*Kriade.*) Prave! Prave! Prave!

**Ka-skorpio:** Se ni volas pacon, nur unu raso de skorpioj devas resti sur tiu ĉi planedo. Gloro al la fosforeskaj skorpioj!

**Koruso de Ka-skorpioj:** (*Kriade.*) Gloron! Gloron! Gloron!

**Ru-skorpio:** Gloro al la fluoreskaj skorpioj!

**Koruso de Ru-skorpioj:** (*Kriade.*) Gloron! Gloron! Gloron!

**Ka-skorpio:** Fosforeskaj! Fosforeskaj!

**Koruso de Ka-skorpioj:** (*Kriade.*) Fosforeskaj! Fosforeskaj!

**Ru-skorpio:** Fluoreskaj! Fluoreskaj!

**Koruso de Ru-skorpioj:** (*Kriade.*) Fluoreskaj! Fluoreskaj!

**Ka-skorpio kaj Ru-skorpio:** Gloron al la paco! Ataku! Ek!

**Fino**



# "Fini afrikan malsaton" signifas aŭskulti kultivistojn



*Stephan Leahy*

*trad. Cindy McKee*

**Riz-kreskiga kanalo en Malio. Libio, helpe de multnaciaj korporacioj, klopodas akapari tiun regionon. Foto de L.C. el farmlandgrab.org.**

**Fonto de la artikolo: http://www.tlaxcala-int.org/article.asp?reference=2135**
**Sub la ĝentila permeso de Tlaxcala kaj la aŭtoro. Kun danko al IPS-Afriko.**

Afriko estas malsata: 240 milionoj da homoj estas subnutrataj. Nuntempe, unuafoje, afrikaj kultivistoj de etaj parceloj estas dece konsultataj pri la solvado de la problemo kiel nutri subsaharan Afrikon. Iliaj respondoj ŝajne preteratentas la kolosan internacian klopodon lanĉi Afrikan Verdan Revolucion, financate grandparte de la Fondaĵo de Bill kaj Melinda Gates.

Anstataŭ novtipaj hibridaj semoj, ĥemiaj sterkoj kaj pesticidoj, kultivistoj de familie posedataj plugteroj diris, ke ili volas uzi lokajn semojn, limigi la elspezadon de kara mono por ĥemiaĵoj, kaj plej grave, direkti publikan agrokulturan esploradon por prizorgi siajn bezonojn, laŭ plurmedia amas-komunikaĵo publikigita en Monda Manĝaĵa Tago, en la 16-a de oktobro.

«Estas klara la pensmaniero de ĉi tiuj bienetistoj. Ili malakceptas la labormanieron de "Alianco por Verda Revolucio en Afriko"», diras la kunaŭtoro de la raporto, Michel Pimbert, kiu membras en "Internacia Instituto por Medio kaj Evoluigo" (IIED), neprofitcela esplorada instituto lokita en Londono.

«Okazis efektivaj taksoj de farmistoj, en kiuj la bienetistoj, kaj aliaj produktistoj de manĝaĵoj, aŭskultis kaj demandis al la agrokulturistoj kaj al aliaj fakuloj, elpensante proprajn rekomendojn», Pimbert diris al la novaĵagentejo IPS.

«Manĝaĵa kaj agrokultura politikoj kaj esploroj tendencas ignori la principojn, bezonojn kaj zorgojn de ĝuste tiuj homoj, kiuj provizas tion, kion ni ĉiuj manĝas. Anstataŭe tiuj politikoj servas potencajn komercajn entojn kiel multnaciajn prisemajn kaj prinutrajn detalajn kompaniojn», li diris.

La Faka Komisiito de Unuiĝinta Naciaro pri la "Rajto al Nutraĵoj", Olivier De Schutter, subtenas la bezonon fundamente ŝanĝi nutraĵan kaj agrokulturan esploradojn por igi ilin socie pli demokratiaj kaj responsaj.

«Mi aplaŭdas la penojn priskribitaj ĉi tie por organizi civitanajn enketojn kaj farmistajn opinisondojn pri agrokultura esploro en okcidenta Afriko», verkas De Schutter en prefaco de publikigaĵo titolita "Demokratiigi agrokulturan esploradon por nutraĵa suvereneco en okcidenta Afriko"».

La publikigaĵo inkluzivas filmojn kaj aŭdmaterialojn kun la voĉoj kaj interesoj de tiuj, kiuj en tiu regiono produktas manĝaĵojn.

Ĉirkaŭ duono de miliardo da afrikanoj dependas de kultivado de bienetoj malpli grandaj ol du hektaroj. La plimulto de la bienetistoj estas inoj. En Afriko, ekzistas serioza zorgo pri la direkto de la publika agrokultura esplorado, kiu estas financata de patronaj landoj. Patronoj rege influas la tipojn de esploroj, kaj tio preskaŭ ĉiam spegulas nordan teniĝon pri scienco kaj teĥnologio: la preferado de hibridaj semoj, kiuj devas esti denove aĉetataj ĉiujare. La samo okazas pri la ĥemiaj sterkoj, diris Pimbert.


USAID (Usona Agentejo por Internacia Evoluigo) instigas ĉi tiujn niĝeriajn kultivistinojn uzi (do aĉeti, kompreneble) plibonigitajn tipojn de semoj.
Foto de Ann Fleuret por USAID en Kano, Niĝerio.

Por ekscii, kion bienetistoj volas, ke la afrika publika agrokultura esploro faru por ili, okazis en Malio sendependaj enketoj gviditaj de kultivistoj, pri agrokultura esploro. La informaj rezultoj fluis al du civitanfarmistaj komitatoj, konsistantaj el 40 ĝis 50 ordinaraj farmistoj, kaj al aliaj produktistoj de nutraĵoj. Ĉiu komitato sin direktis al specifaĵoj, kiel la agrokultura esplorado dezirata de bienetistoj, kaj kiel oni demokratiigu nutraĵan kaj agrokulturan esploradojn.

La komitatanoj aŭskultis kaj pridemandis diversajn grupojn de spertuloj el Afriko kaj Eŭropo. Ili konsideris la prezentitajn faktojn laŭ propraj spertoj, kaj interkonsentis pri serio da rekomendoj por siaj respektivaj registaroj. Tiuj rekomendoj inkluzivis rektan engaĝiĝon de farmistoj por fiksi esploradajn strategiojn kaj prioritatojn, esploradon de tradiciaj specoj, ekologian terkultivadon, kaj la ideon, ke tia esplorado devus esti financata far la lokaj registaroj, ne far fremduloj kiel nun okazas en okcidenta Afriko.

Temas pri plene malfermita kaj kunlabora procezo, diris Pimbert, kiu jam partoprenis en similaj procezoj en Hindujo kaj Sudameriko. Komitatanoj estas zorge elektataj por reprezenti larĝan gamon da lokoj kaj konoj, kaj partoprenas ambaŭ seksoj. Sendependa kontrola grupo, kun reprezentantoj el landoj kiel Senegalo, Burkino, Niĝerio, kaj Benino, rolas simile al balotaj observantoj, kiuj certigas justan procezon.

«Tio neniam antaŭe okazis en okcidenta Afriko. Pri tio, ordinaraj farmistoj en Kanado aŭ Usono ankaŭ neniam estis demandataj pri dezirataj celoj al publika agrokultura esplorado», li diris.

La kultivistoj kaj nefakaj popolanoj rekte decidu pri la celoj de agrokultura esplorado. Tio estas esenca por atingi nutraĵan sekurecon, lokan vivsubtenadon, homan bonfarton, kaj elastecon kontraŭ medioŝanĝado, Pimbert diris.

Sekve al la nutraĵa krizo en 2008, estis granda puŝo por "nova verda revolucio" en Afriko, subtenata de "Alianco por Verda Revolucio en Afriko" (AGRA): kvarcentmilion-dolara klopodo estrita de Kofi Annan, iama ĝenerala sekretario de Unuiĝinta Naciaro kaj financata de la Fondaĵo Gates kaj la Fondaĵo Rockefeller. AGRA celas duobligi aŭ kvarobligi la produktokvanton de la bienetoj.

«Ni elektas investi en tio, kion ni kredas efika», diras Sylvia Mathews Burwell, ano de la AGRA-direktoraro kaj prezidanto de la Tutmonda Evoluiga Programo, kiu estas unu el la tri fokusoj de la Fondaĵo Gates.

AGRA turnas siajn monprovizojn al la kreo de novaj tipoj de semoj kiel maizo, kiu eltenas senpluvecon, al plibonigo de tera fekundeco, kaj al alirebleco de la farmistoj al la merkato kaj al la edukado. Nuntempe, ĝi ne financas genetike modifitajn nutraĵojn.

«Farmistoj volas agrokulturan esploradon, kiu helpos ilin nutri la proprajn familiojn kaj ankaŭ havi kroman produkton por vendi ĉe la merkato», Burwell diris dum intervjuo. «Niaj konsultantoj iris kaj interparolis kun farmistoj. Ni penas inkluzivi la voĉon de la farmisto».




**Grafikaĵo uzata laŭ permeso de:**
**"Nutraĵa kaj Agrokultura Organizo de Unuiĝinta Naciaro".**
**Fonto: http://www.fao.org/docrep/007/y5342e/y5342e05.htm#fnB3**

Laŭ multaj kritikantoj, la labormaniero de AGRA estas etigita versio de la usona kaj eŭropa agrokultura produktado, kiu koncentriĝas sur altigo de la produktokvanto per hibridaj semoj kaj grasumo.

La intenco de AGRA ŝajnas esti, «igi farmistojn dependaj de eksteraĵoj, de merkatoj, anstataŭ esti sendependaj», diris Hans Herren, prezidanto de "Jarmila Instituto", kiu situas en la usona subŝtato Virginio. Herren gajnis la Mondan Nutraĵo-Premion en 1995, kaj estas agnoskate, ke li efektivigis preventan programon biologian, kiu savis la afrikan produktadon de manioko, tiel evitante nutraĵan krizon.

«Ni jam vidis, per la ekzemploj de Usono kaj de Eŭropo, kien tia dependeco kondukas onin... al malpli da kultivistoj, al malpli da enspezoj por farmistoj... al pli da senlaboruloj», diris Herren, kiu estis kunprezidanto de "Internacia Taksado de Agrokultura Scienco kaj Teĥnologio por Evoluigo" (IAASTD).

La trijara IAASTD konkludis, ke la plej bona espero por nutrigi la mondon estas la agrokulturaj ekosistemoj, kiuj kunligas produktadon de nutraĵoj kun certigo de puraj akvoprovizoj, konservadon de biodiverseco kaj plibonigon de vivsubtenado de la malriĉuloj. La ŝanĝo necesa en la afrika agrokulturo ne estas la plua grandskala industria farmproduktado, kiu dependas de eksteraj provizoj de sterkoj. La ŝanĝo necesa kuŝas ĉe bienetistoj, kiuj praktikas plurfunkcian agrokulturan ekosistemon. Diris Herren.

«Bienetistoj kaj ties aŭtentaj organizaĵoj (kooperativoj, kamparaj metilernejoj, k.s.) montras, ke plifortikitaj agrokultur-ekologiaj rimedoj sufiĉe bone produktas», diris Philip Bereano, de la Universitato de Vaŝingtono en Seatlo, Usono.

AGRA ne «konsultis la bienetistojn, ne aŭskultis iliajn konsilojn, nek sekvis iliajn sugestojn», diris Bereano en retletero el Nagojo, Japanujo. Bereano estas ligita kun civitana grupo nomita AGRA-Rigardo, kies starpunkto estas, ke grandaj financuloj de la nordo trudas industrian modelon de agrokultura komerco en Afriko.

Agrokomerco starigas sin mem kiel la solvon al la «nutraĵo-problemo» kaj pluraj registaroj atentas, ĉar la nutraĵa krizo en 2008 ŝokis ilin, diris Pimbert. «Afriko havas gigantajn kvantojn da grundo kaj resursoj... kaj nun estas granda kurado por alproprigi ilin al si».

AGRA, multaj sciencistoj kaj grandaj ne-registaraj organizoj kredas, ke la komerca modelo de la moderna teĥnologio kaj la publika-privata partnereco estas la maniero nutrigi Afrikon; ili ne akceptas la sintenon de la bienetistoj pri la mondo, li diris. Anstataŭe okazos, ke bienetistoj aĉetos la novtipajn hibridajn semojn, sterkon kaj pesticidojn kredite, kaj do ili devos forlasi siajn bienojn por kvitigi sin. Ili devos transloĝiĝi en urbojn, dum komercaj farmegoj propriĝos kaj unuiĝos bienetojn.

«Tio okazis al multaj bienetistoj en Hindujo», Pimbert diris.

★



***Roger Gotardi***
tradukis el la portugala



# Elefantoj kaj ursoj

***de Arturo Azevedo***

Estis tre agrable aŭdi Kolonelon Ferraz rakonti siajn ĉasajn heroaĵojn; sed li nur vibris, kaj nur estis vere genia dum elpensado de mensograkontojn, kiam li havis multnombran spektantaron, kiam li vidis ĉirkaŭ si okulojn miregantajn kaj buŝojn gape malfermitajn.

Oni diras, ke private, babilante kun amiko, aŭ eĉ du, li ne kapablis blagi.

Nu, iuokaze li estis en grupo el dudek homoj, en kiu estis reprezentataj ambaŭ seksoj kaj ĉiuj aĝoj.

La vortoj de la kolonelo, eldirataj per tiu voĉo eĥanta kaj malmilda, farita por komandi armeojn, estis avide sorbataj. Nur unu junulo de la grupo, Mirando, la plej granda ekstravaganculo, kiun Dio metis en la mondon, havis en la fizionomio mokan mienon, kaj ŝajnis ne preni serioze la ĉasajn eksterordinaraĵojn de nia heroo.

– Sed tio estis nenio – diradis ĉi tiu retordante la pintojn de siaj longegaj grizaj lipharoj. – Tio estis nenio kompare kun tio, kio okazis al mi en vilaĝeto ĉe Gango, kien kondukis min mia aventura vivo. Paro da elefantoj postkuradis junulon, kiu mistraktis ilian idon, elefanteton de tia grando (kaj la kolonelo indikis la grandon de elefantego). La virseksa estis atingonta la junulon per la rostro, kiam mi mortfaligis lin per pafo de mia pafilo, kiu neniam mispafis. Sed restis la inseksa... La armilo estis malŝargita, sed mi, aŭtenta riano [1], memoris pri nia kapoejro-ludo kaj atakis ĝin per krurfalĉo tiel perfekta, ke mi falkuŝigis ĝin teren! Antaŭ ol leviĝis tiu peza maso, mi havis tempon ŝargi la pafilon kaj promenigi ĝin en la alian mondon. La knabo estis savita.

Ekestis ĉe la spektantaro mir-murmuro. La kolonelo daŭrigis:

– La junulo, mi apenaŭ sciis, estis princo, filo de raĝo, aŭ io samranga, tre estimata en la regiono: tial, oni konstruis sur la korpo de la elefanto specon de trono, sur kiun oni metis min; oni trinkigis al mi sanktan likvoron, investis min je iu oficiala titolo, kiun mi ne konas, kaj igis min spekti kelkajn senĉesajn dancojn. Temis pri festo, en kiu kunvenis pli ol dudek mil homoj.

Post la rumoro de la spektantaro, Mirando transprenis la parolon:

– La kolonelo estis pli feliĉa ĉe Gango ol mi en Cejlono.

– Ĉu vi jam estis en Cejlono? – demandis la kolonelo.

– Nu! Kie mi jam ne estis? Iun tagon, dum ĉasado – jes, ĉar ankaŭ mi estas ĉasisto! – elpaŝis antaŭ mi enorma urso, kiu antaŭen-iris kontraŭ mi. Mi volis ekpreni la pafilon, sed mi tiom tremis, ke mi ne sukcesis preni ĝin. Kaj la urso antaŭen-iranta! Tiam, mi sentis elspiron sur mian nukon. Mi rigardis malantaŭen: estis alia urso, kun la gorĝo malfermita kaj la dentoj elmontrataj!



– Kaj kion vi faris? – demandis la kolonelo, tre interesata.

– Mi faris nenion – respondis Mirando. – Mi estis manĝata!

★



1 Riano: homo naskiĝinta en la brazila urbo *Rio de Janeiro*. (JJS)

*Iam en Portugalio... (3)*

# Legendo pri
# Mem Ramires

*Eduardo Novembro*

**Detalo de Kastelo de Santarém: Pordo de la Suno el Vikipedio**

— Envenu, Mem Ramires, envenu... Rapidu, rapidu!... Mi anksie atendas viajn novaĵojn pri Delektinda Paradizo!...

La ĵusa alveninto respekteme kliniĝas antaŭ tiu, kiu tiel malpacience vokas lin:

— Via Reĝa Moŝto, trankviliĝu, ĉar estas bonaj la novaĵoj, kiujn mi tuj raportos al vi!

— Do sidiĝu miadekstre, kaj senprokraste rakontu... rakontu!... — lin ordonas la reĝo Afonso Henriko, la unua de Portugalio. — Vi eĉ ne povas imagi mian zorgadon dum ĉi tiuj lastaj tagoj. Mi ne havis informojn pri vi, nek pri viaj danĝeraj esploroj en la lando de niaj malamikoj, la saracenoj. Rakontu... rakontu pri viaj spertoj en tiu kastelo.

Obeante la monarkon, Mem Ramires sidiĝas kaj trankvile ekraportas pri la misio de li ĵus plenumita.

— Trankviliĝu, Via Reĝa Moŝto, trankviliĝu! Kiel de vi komisiite, mi maskoveste eniris en tiun Delektindan Paradizon, kiel vi nomas la urbon Santarém. Vere grava fortikaĵo, bone defendita, tion mi nun povas aserti, ĉar ĉion mi propraokule konstatis. Ne estos tre facila tasko ĝin konkeri... Sed ruze... kial ne? Mi alivestiĝis kvazaŭ kolportisto por pli facile eniri tien, kaj mi sukcesis. Mi tute libere trairis ĉiujn lokojn, eĉ tiujn plej sekretajn. Mi ĉiam estis bone akceptita, ĉu de la popolo ĉu de la aŭtoritatuloj mem. Tie mi ĉiam atentis pri ĉiuj ĉirkaŭaĵoj, precipe tiujn de milita intereso por ni, kaj mi povis elpreni gravajn informojn pri la defendo de tiu urbo, kio certe faciligos nian celon. Mi vizitis domojn kaj palacojn de riĉaj proprietuloj, kie mi eĉ vendis galanteriojn kaj strasojn por ina uzado. Jen ĉio en ĉi tiu pergameno, kiun mi submetas al via taksado... — kaj li ĝin malfaldas sur la vastan tablon, antaŭ ĉies okuloj.

La ĉeestantaj kapitanoj de la reĝa armeo tuj avide kliniĝas sur la dokumenton, kiun ili tre atente kaj longe pridiskutas.

— Mia kara, Mem Ramires!... — ekkrias la reĝo. — ĉi tiu pergameno tute ne estas simpla raporto pri spionado, sed ĝi enhavas aŭtentikan batalplanon por sukcesa konkerado de tiu fortikaĵo... Ĉu ne, miaj kunbatalantoj?!...

Ĉiuj susure kapjesas.

— Sed, ho mia reĝo, permesu ke mi petu de vi specialan komplezon, kiel premion pro mia laboro.

— Petu, mi favorigos vin!

— Moŝta reĝo Afonso, permesu ke mi estu la unua eniranta en Santarém, kaj ke mi estru tiujn, kiuj transpasos la plej malfacilajn gardostarejojn.

— Mian permeson vi jam ricevis. Nun ni pli detale studu vian planon, por pli bone prepari la konkerbatalon.

Ĉiuj denove kliniĝas sur la kompleksajn skizojn de la pergameno por ekdetermini la alsaltan strategion.

Ĉe la nokta sennuba ĉielo brilas enorma stelo, prognozante sukceson en la batalagado. Silente, la malgranda truparo de Afonso Henriko sin ŝovas tra veprejoj, hortoj, vitejoj kaj ceteraj kreskaĵoj, kiuj plibeligas la ĉirkaŭon de Santarém. Kaŝe, zorgeme kaŝe sub la nokta lumo, sub la arboj kaj arbustoj, kaŝe de ĉies vidado, la portugalaj soldatoj antaŭeniras... antaŭeniras...

Longapika terspaco sin prezentas inter ili kaj la fiere riĉa Santarém ĉe la supro, neatingebla, nevenkebla... Ĝis...

Silente, Mem Martins, ĉekape de la kuraĝularo, surrampas la deklivon... ĝis la bazo de la urbaj muregoj, kiujn ili sukcesas atingi nerimarkite de ties defendantoj. Tiam li lasas malpezan junulon supreniri sur liajn ŝultrojn por suprenĵeti feran kroĉilon, noditan al ŝnurego, kaj ĝin alfiksi al krenelo. Tion oni facile faris, kaj tuj Mem Martins, sekvata de aliaj bravuloj, po unu grimpas... grimpas la kablon kaj atingas la supron de tiu defendmurego, kie ili tuj, kaj senbrue, submetas la surprizitajn gardostarantojn. Sur la kreneloj estiĝas vere streĉa luktado fine venkita de la portugaloj.

Alarmon oni sonorigas ĉie, sed tro malfrue, ĉar la soldatoj de Afonso Henriko el Portugalio jam regas ĉiujn gardostarejojn, kaj ili jam sukcesas manovri la dentradaron, kiu malfermas la leveblan ponton — liberan transirejon de la konkerantaj trupoj al la riĉa kaj deziregata Delektinda Paradizo...

Spite al la plej kuraĝa rezistado de la maŭroj, la surprizo de la atako malfortikigis la defendajn punktojn, dekomence tuj kaptitaj danke al la strategio de Mem Ramires.

Ĉe ektagiĝo, jam la flago de Afonso Henriko flirtis sur alta masto de la plej supra gardoturo, la tiama flago de Portugalio.

Tiel la maŭra Santarém submetiĝis al la regado de la portugaloj... por ĉiame...



# LA EVOLUO

## BILDOJ EL NIA JUNECO (4-a parto)



*trad. Leo De Cooman*
**el la flandra en esperanton,**
**el la verko de sia frato Emile De Cooman**
**laŭ rememoroj pri la familia historio**

***Emile De Cooman***

Konservitajn haringojn oni aĉetis en butiko supre sur Placo Fortikaĵo. De granda vitra vazo estis prenata haringo sen naĝiloj kaj sen kapo, kaj metata sur onian teleron antaŭ ol surmeto de la terpomoj. Oni metis ĝin sur unu el ties flankoj kaj oni entranĉis ĝin ĝis la ostoj. Tiam oni fortiris per forko duonon de la flankaĵo, kaj poste la alian. Sekve la haringo estis renversata kaj la procedo ripetiĝis. Tiel oni ekhavis kvar fiŝtranĉaĵojn, kiuj estis plue distranĉataj en enbuŝigeblajn pecetojn, tre ŝatatajn kun maldike tranĉitaj fazeoloj kaj vinagra saŭco.



La knaboj ŝatis fritítajn terpomojn. Komence tiuj estis permane tranĉitaj, sed pro la kresko de la familio ankaŭ kreskis la kvanto da manĝaĵo farenda kaj paĉjo konstruis ilon por tranĉi terpomojn. La laboro plirapidiĝis. La tranĉitaj terpomoj estis orflavigitaj en granda emajlita poto en du fazoj.

Kiam ni estis ankoraŭ tre junaj, haringaĵo estis la precipa vendreda manĝaĵo. En la butiketo supre sur Placo Fortikaĵo oni vendis la plej bonajn haringojn, kiujn la butikistoj mem preparis por konservi en vinagro. Ni aĉetis ilin en vazo. Ĉiu vazo enhavis dudek haringojn.

Alia fiŝaĵo nur multe pli poste aperis sur nia tablo. Post ferioj, kiujn ni pasigis ĉemare en la jaro 1934, ni dum kelkaj jaroj havis fiŝaĵabonon. Ĉiusemajne la fervoja ĉaro venis liveri lignan kesteton kun freŝa fiŝaĵo ĉirkaŭita de pecetoj da glacio. Foje estis moruo, alifoje eglefino aŭ plateso aŭ triglo, mi ne plu scias, kiom da specoj estis.

Paĉjo kaj panjo plenumis la formularon kaj tiel indikis kaj mendis la fiŝaĵon, kiun ni manĝos en la sekvonta semajno. Ĝi estis bonguste freŝa, ĉar tiutempe ekzistis rekta trajno inter nia urbo kaj *Blankenberge* (ĉe maro).

Veran deserton ni fakte ne konis. Sed kelkfoje, sur la tablo, aperis kremaĵo "por plenigi la stomakan truon". Sur telereto ĝi estis ŝovata sub nian nazon kaj manĝata per malgranda kulereto. Por esti certaj, ke nenio restis, ni zorge lekis la telereton. Specialaĵo de panjo konsistis el ŝaŭmkukoj vertikale metitaj en vitran poton kaj superverŝitaj per varma kremaĵo. La potoj estis rapide malvarmigataj en pelvo kun malvarma akvo, freŝe ĉerpita el la puto. Tiel, post la malvarmiĝo restis dika kovraĵo sur la kremaĵo. Por specialaj okazoj oni raspis iom da ĉokolado sur ĝin.



Kiam ne estis io tia, tiam ja estis piro aŭ pomo. Ni frotpurigis ĝin per niaj manikoj, ĝis ĝi brilis. Ni formanĝis ĝin per grandaj mordoj, ĝis restis nur la kerno, kiu ankoraŭ utilis por la ŝafoj. Ĉerizoj estas maturaj ankoraŭ dum la lerneja tempo. Bone, ke prunoj maturis en la ferioj. Tial, kiam venis subita reago de la intestoj, ni ne estis en klasĉambro. Vintre, ĉirkaŭ la festo de sankta Nikolao, foje aldoniĝis duo da daktiloj aŭ figoj aŭ oranĝo.



En la periodo de la fragoj, ni ricevis ĉiutage ujeton kun maldike tranĉitaj fragoj kun pulvorigita sukero, ĝuste kiel oni faras ankoraŭ nun.

Ili ankoraŭ nun estas miaj ŝatataj fruktoj. Bedaŭrinde tiu periodo ne daŭris longe.

Kiam fakte estis nenio, tiam tranĉeto da bongusta spickuko solvis la problemon.

Kiam paĉjo ĉetabliĝis, li ofte legis ĵurnalon. Panjo do ĉiam devis helpi la etulojn. Kaj kiam ni foje estis tro tumultaj, povis okazi, ke ni ricevis frapon de paĉjo en kolereta reago. Sekvis silenta plorado.

Post la manĝofina kruco-signo, ni denove rajtis paroli, kaj tiam ĉio, kion ni devis diri, liberiĝis en laŭta ek-babilado.

Ektiro de *Elize* je la sonorileto estis startsignalo por ni. Kiel duonsovaĝa bando, ni kuregis eksteren, dumvoje surmetante niajn jakojn. Pro la severa mieno de la pli aĝa knabino, ni saĝe iris al la lernejo. Ne necesas diri, ke iri malsupren estis pli facile ol iri supren. Pro la malbona stato de la trotuaroj, tamen necesis atenti, ĉar falo plejofte estis komenco de laŭta plorado. Liverinte nin en la lerneja ludejo la knabino plenumis sian taskon kaj ŝi malaperis inter siaj samklasaninoj. Ni kuris por akompani niajn tiamajn kamaradojn, ĝis kiam la granda sonorilo laŭte alvokis nin. Ni devis enviciĝi antaŭ nia klasĉambro. La fratino - en la fratinejo ni nederlande diris "zuster" (fratino), en *Huneghem* ni devis france diri "ma soeur" - atendis nin ĉe la enirejo de sia klasĉambro. Post ŝia signo, ĉiu eniris la klas-ĉambron rekte al sia benko.



Duope unu apud la alia, ni ankoraŭ rapide povis ion diri. Post la sonorileta signalo de la fratino, ni diris preĝon. Poste regis silento, la "kursoj" pri tondado kaj desegnado rekomenciĝis.

Kiam ni estis pli aĝaj kaj iris al la kolegio, paĉjo ekrigardis sian poŝhorloĝon, kaj el liaj vortoj ni decidis, ĉu ni kuru aŭ kuregu por ne malfrui. Poste, kiam ni mem scipovis legi la horon, ekrigardo al la pendolhorloĝo malantaŭ la fotelo sufiĉis por sciigi al ni, ĉu jam estas la momento reiri al la lernejo, kaj je kiu rapido (tion ĉi mi fakte antaŭrakontas jam nun, kvankam ĉi tie temas nur pri la fratina lernejo).

Somere foje estis varme, kaj ekpezis la okuletoj de la etuloj. Tiam ni rajtis meti nian pezan kapeton sur niajn brakojn sur la pupitro. Ĉe vekiĝo plejofte sekvis plorado kaj "panjo!", sed konsoletoj helpis forgesigi la ekploron.

Mi ne plu scias, kiom da tempo daŭris la paŭzo, sed ĉiam estis kvazaŭ liberiĝo, kiam mi povis movi miajn kruretojn kurante sur la pavimita ludejo.

Ni multe ludis tuŝludon. Por kaŝludoj la ejo ne taŭgis pro la malferma kaj limigita loko de la speciala etula ludejo. Tiu apudis la florĝardenon de la fratinoj. Do ne povus aperi pilkoj, nur ludglobetoj, bloketoj kaj diversaj ludoj desegnitaj per kretlinioj sur la pavimoj. Ankoraŭ dum iom da tempo, ni devis resti en la klasĉambro, kaj poste ni rajtis iri hejmen. Per la sama rito ni revenis hejmen liverataj de nia brava kondukantino.

Post la ceremonio lavi la manojn, ni en la kuirejo ekatakis la amason da duonigitaj buterŝmiritaj pan-tranĉoj. Laŭ la reguloj, tiuj estis manĝataj en silento, ĝis kiam restis neniom.

Post la dankpreĝo, la vespero estis libera por ni. Somere ni ludis ekstere, sed vintre ni restis ludantaj ĉetable. Ni ŝatis konstrui paperajn aviadiletojn, sed foje ni ankaŭ eltranĉis aliajn paperajn aĵojn, teksis ion aŭ ludis per bloketoj; poste ankaŭ per mekanikaĵoj.

Ĉirkaŭ la sepa horo, kelkaj dormemuletoj jam grimpis en la fotelon por ĝui dormeton. Sed tio ne povis okazi kaj panjo rapide preparis por ni teleron por la vespermanĝo. Sur la gasforno, lakto rapide varmiĝis kaj transformiĝis en avenkaĉon aŭ griaĵon. Foje estis buterlakto kun pom-pecetoj kaj bruna sukero. Post elĉerpo, iu el ni laŭvice rajtis funde malplenigi la poton. Tion ni faris per kafkulereto aŭ per la fingroj, foje helpataj de la lango, ĝis kiam restis neniu spuro en la poto; la vizaĝo iĝis glua pro la kaĉo. Okazis, ke panjo kaŝe faligis iom da kristal-sukero en la poton por ĝui la feliĉan vizaĝon de la laŭvica lekanto de tiu vespero. Tiam proksimiĝis la sekva paŝo en la ĉiutaga vivo.

## La enlitiĝo

Dum la pliaĝuloj devis alivesti sin supre en la dormoĉambro ĉe kandellumo, la etuloj estis alivestataj en la granda kuirejo ĉe la gaslampo. La vestaĵoj estis metataj sur seĝon, kaj la ŝuoj antaŭ ĝi. La dormorobo estis prenata el la ŝranko kaj tirata super la kapon. Post krucosigno de paĉjo, kaj kiseto al li, ni vice supreniris. *Pol* kun la portebla kandellampo iris la unua, kaj la ceteraj knaboj sekvis lin; panjo iris la lasta en la vico. Estis multaj ŝtupoj, ĉar ni



devis iri al la dua etaĝo. Lace pro tuttaga ludado ni plonĝis en la neston.

Ĉiu lito estis dormejo por

du knaboj, kiuj malmulte diferencis laŭ aĝo. Vintre, kiam estis pli malvarme, ĉiu el ni kunprenis sian varmigitan enpakitan brikon. Tiun varmofonton ni lokigis en taŭgan lokon en la lito, ĉiu en sian propran duonon. Kaj tiam ni rapide tiris la litkovrilojn super nian kapon. Niajn piedojn ni tenis sub la dormorobo, aŭ kontraŭ la agrable varma briko. Ni rigardetis de sub la kovriloj kaj vidis panjon. Sub la malforta lumo de la petrollampo, ŝi sidis ĉe la pieda flanko de la lito, rakontante mem elpensitajn historietojn. Ni jam sentis la sablon de Dormigulo en niaj okuloj. Panjo eĉ ne duone rakontis sian historieton kaj jam la okuloj forturniĝis. La ceteron kaj certe la finon de la historieto ni ne plu aŭdis.

Finiĝis tiu tago kaj same finiĝis la plej multaj lernejaj tagoj. Tamen la ĵaŭdoj, kun nur duona lernotempo, kaj la dimanĉoj, estis benataj per tute alia horplano. La feriaj tagoj estis revolucie aliaj.

## La libertempo

Koncerne manĝadon kaj lernadon, la ĵaŭdaj posttagmezoj estis tute malsamaj de la aliaj tagoj. Kiam ni ankoraŭ iris al *Huneghem*, la lernejaj tagoj finiĝis je tagmezo, kaj de tiam ni rajtis resti hejme ĉe panjo. Tiam ni estis ankoraŭ nur du. *Liven* kuŝis ankoraŭ en sia lulilo aŭ rampis en sia krablejo. Mi kredas, ke ni estis tute normalaj infanoj, kaj ja de tempo al tempo misfaris ion. Sed obeemo estis severe instruita al ni. Ĉe malobeo ja okazis, ke nia kuloto estis malsuprentirata, ni estis kuŝigataj sur ies genuojn, kaj sekvis kelkaj fortaj batoj sur la nuda postaĵo. Tio estis la plej bona metodo por respektigi la ordon en la bando de knaboj. Se la misfaro ne estis tiel grava, sufiĉis minaco enŝlosi nin en la mallumo de la vinkelo: la timo al la mallumo kaj la araneaĵoj tuj supervenkis nian malobeemon. Fojfoje ni estis ankaŭ ĉarmaj. Tiam ankaŭ la dombestoj partoprenis en niaj ammontrado, sendepende ĉu tio plaĉis al ili.

Ni ĉiam havis hundon. Nia *Fani* estis la unua hundo, kiu libere vivis kun ni. Ĝi estis Meĥlena ŝafhundo, laŭnature ja ne la plej amikema raso. Ĝi tute ne permesis al ni ludi per ĝia vosto. Ĝi ne volis esti traktata kiel ludilo; tiuokaze ĝi tuj fuĝis sub la tablon, kie ni ne plu kapablis atingi ĝin.

La katoj estis ĉarmaj bestetoj, kiuj akceptis nin kiel ludamiketojn. Dum horoj ni sidis kune kaj karesis ilian delikatan felon, ĝis ili ekdormis ĉe nia sino aŭ ŝpinronkadis pro ĝuado, ĝis la dormo trafis ankaŭ nin, kaj ni kune kuŝis dormante.



Sed la katoj devis toleri ankaŭ nian petolemon, kiam ni malliberigis ilin en la kuniklan kaĝon ekstere, sub la ŝtuparo. Oportune, ili jam delonge perdis siajn sovaĝajn ecojn kaj ne plu atakis junajn kunikletojn. Ni iam havis nigran katon, kiu kuŝis dormanta ĉe la kuniklidoj.

Ankaŭ la kokidoj foje suferis pro nia amo. Eĉ sian manĝaĵon ili devis foje kundividi kun ni, ŝajne la maizo bongustis ankaŭ al ni.

Aliaj bestoj, sed precipe



ties idoj ĝuigis nian atenton. Tiel okazis, ke iu el nia bando troviĝis en la kokidejo. Panjo aŭdis lin diri "vi malpura!" kaj kiam ŝi iris kontroli, li estis jam ĵetinta plurajn "malpurajn" kokidojn el la kokidejo... kaj vere, ili ne havis unukoloran blankan lanugon, kaj laŭ li do tiuj estis "malpuraj". Ili estis serĉataj kaj remetataj en la kokidejon... sekvis doloriga skuado kaj laŭta plorado. Intertempe necesis atenti pri la agadoj de la aliaj.

Bone, ke la virkato de la apuda kafejo "Paradizo", tiumomente ne estis en la ĉirkaŭaĵo, ĉar tiu ja ŝatis kokidojn. Ĝi kaŝobservis la junajn bestetojn, uzis la necesan tempon, kaj atakis precize en la taŭga momento. Tiamaniere ĝi iam kaptis kvar kuniklidojn, kiuj estis rampintaj de sub la flanko de la kuniklejo.

Sub la granda ŝtuparo paĉjo estis konstruinta kuniklejon. Sed ĝi estis fermita per nur simpla riglilo, kiun ankaŭ infanaj manetoj kapablis malfermi.



Ni ŝatis doni al tiuj bestetoj iom da freŝaj herboj. Ili plej ŝatis la foliojn de la leontodoj, kiuj amase kreskis en la malgranda herbejo. Oni tiam vidis iliajn buŝetojn



moviĝi supren kaj malsupren, dum la verdaĵo malaperis inter iliaj dentetoj. Mi ne kapablis kompreni, kiel ili faris tion sen manoj. Je la kvara horo, ni do provis fari same pri nia buterpano, sed tio ne sukcesis same bone... vangofrapo restarigis la decajn manĝomanierojn.

Sed dum la konstruo de la kuniklejo, ne estis antaŭvidite, ke infana maneto ne same bone sukcesos refermi tiun ŝlosilon. Sekve iam okazis, ke ĝi restis malŝlosita. La plej inteligentaj bestoj baldaŭ eksciis tion, kaj kiam panjo venis nutri la bestaron, kelkaj el ili mankis en la ejo. Tuj ekestis granda alarmo kaj serĉado kaj kurado, ĝis ĉiuj denove estis en sia stalo.

Iam ni havis ankaŭ kobajojn. Ili estis tre ĉarmaj kaj lasis sin preni por esti karesataj. Sed iun matenon kobajo kuŝis tie mortinta. Post kelkaj horoj, alia kobajo mortis. Tiel, post mallonga tempo, la tuta kolonio formortis pro ia malsano.

Ni ankaŭ plukis florojn kaj kaptis papiliojn per granda reto.

Iam, dum la someraj ferioj, *Marta*, la filino de *Lonko*, la laktisto, promesis al ni, ke ni iam ricevos azenidojn. Tiujn ni pacience atendis. Kaj vere, iun matenon ŝi rakontis kun multaj detaloj, ke la tago estas alveninta, kaj ke ni posttagmeze povos iri por preni ilin. Mi kredas, ke tiun tagon ni finis nian tagmanĝon en rekorda tempo.

Svarme ĉirkaŭ panjo ni ĝoje supren kuregis laŭ la ŝtuparo de la monteto tiel rapide, ke panjo preskaŭ ne sukcesis sekvi nin. Baldaŭ ni alvenis ĉe la onklinoj (fakte la du onklinoj de nia panjo, ili loĝis en "Plantistejo"), kie panjo ne povis preterpasi sen almenaŭ mallonga babilo. Ni volis plu kuregi, sed nia frato *Ĵulĉjo*, kiu tiam ankoraŭ havis mallongajn kruretojn, estis falinta kaj nepre devis esti flegata de onjo *Linjo*. La bandaĝo estis apenaŭ nodita, kiam nia bando jam flugrapide plukuris al la proksima bieno de *Lonko*.

Pro la laŭta bruo, *Marta* jam atendis nin ĉe la pordego. Ni preskaŭ renversis ŝin enirante por vidi la trezoron. Tie kuŝis rozkoloraj ventretoj kun grandegaj oreloj, varmtenitaj sub peco da ŝtofo en kartona skatolo de margarino, sur matraco el fojno. Dekduopo ili estis. Ĉiuj manoj volis tuŝi la trezoron. Babilante ni rapidis hejmen. La skatolo kun la kara enhavo estis metita en vimenan ovokorbon (vimeno estas salikspeco kun plekteblaj branĉetoj). Nur la plej aĝaj knaboj rajtis porti ĝin per la portiloj. Ni eĉ ne haltis ĉe la onklinoj. Paĉjo intertempe estis konstruinta apartigilon en la kuniklejo. Tie, en angulo, la nova akiritaĵo estis instalata sub plena interesiĝo.

Sed nun aperis problemo. La bestetoj devis esti nutrataj. Ĉe la bakisto sur la placo oni vendis malgrandajn botelojn kun ruĝaj piloletoj kaj malgranda cicumo. Ni rapidis tien por aĉeti du tiajn botelojn kaj eksperimentis per ili. Ni plenigis la botelojn per varmeta sukerita lakto. En la sino de panjo, sur pura mantuko, ili estis nutrataj po du. Oni levis la rozkoloran buŝeton kaj enpuŝis la cicumeton... kaj jen... Jes! Ili eksuĉis! Kun multa fuŝado kaj salivado ili trinkis sian nutraĵon.

La lasta en la vico devis



atendi longan tempon. Por scii, kiuj jam estis manĝintaj, ni uzis du skatolojn. Estis svarma bruado en la malsatula skatolo. En la alia, ĉiuj estis kvietaj kaj kune ekdormis sur du malnovaj ŝtrumpoj, tie metitaj de panjo. Tiun ceremonion panjo daŭrigis dum kelkaj semajnoj, ĝis kiam ili iom plenkreskis. Veraj azenoj ili tamen neniam fariĝis, sed nia amo por la junaj bestoj estis plenumita. Nur post longa tempo ni eksciis, ke niaj esperitaj azenetoj estis idoj de sovaĝaj kunikloj. Plugante sian kampon apud la arbaro, bienisto ŝparis la vivon de la malfeliĉaj bestetoj por donaci ilin al ni.

## Dimanĉe - al la meso

Dimanĉoj havis por ni tute alian horplanon. Panjo ĉiudimanĉe tre frue iris al la meso en la granda preĝejo sur la placo. Jam je kvarono post la sesa horo, la onklinoj alvenis por kune iri al la meso je la sesa kaj duono. Je ĉirkaŭ kvarono antaŭ la oka, ili denove alvenis ĉe ni hejmen. La kafo estis preparata kaj la onklinoj kune trinkis tason da ĝi. Poste ili pluiris trans la monton.

En majo, ĉiutage estis meso en la kapelo, kaj tiu estis multe pli proksima.

La leviĝo kaj manĝo okazis laŭ la kutima skemo. Niajn dimanĉajn vestaĵojn panjo jam elŝrankigis je la antaŭa vespero kaj metis sur la seĝojn apud la litoj. Tio estis blanka ĉemizo kun rigida kolumo sur ĝi. Niaj brilantaj



ŝuoj estis pretaj por esti surmetataj.

En niaj dimanĉaj vestaĵoj, ni fieris kiel pavoj, pro tio ke estis poŝoj en ili.

Semajne ni plejofte estis vestitaj per trikita brusto-vesto kaj mallonga pant-alono. Dum kelkaj jaroj pufpantalonoj estis laŭmodaj, sed ili ne tre plaĉis al ni. Precipe tiuj zonoj sub la genuo ĝenegis nin. Ni pliŝatis niajn kutimajn pantalonojn, per kiuj ni rajtis ludlukti sen ripetitaj avertoj: "Atentu pri via bela pantalono!". En ĉiuj tiuj pantalonoj estis poŝoj, en kiuj ni konservis niajn naz-tukojn. Fakte estis ĉifono, kiu taŭgis por ĉio, escepte por froti la nazon; por tio ni uzis la manikon. En niaj poŝoj ankaŭ estis pecetoj da ŝnuro, kaŭĉuka ringeto aŭ butono, kaj ĉiaj trezoroj antaŭ niaj infanokuloj.
Printempe, kiam aperis la majskaraboj, ni havis nian plej viglan skarabon en alumetskatolo kun folio el la heĝo. La skarabo estis ligata per fadeneto je malantaŭa piedo. Sed en la dimanĉa kostumo, en la poŝoj estis nur pura freŝa naztuko kaj unu cendo.

Kiam la horo estis alvenanta, ni grupe foriris al la meso man-en-mane laŭ la ordono, antaŭ paĉjo, kiu sekvis nin je kelkaj paŝoj.

Ni eniris la preĝejon tra la flanka enirejo, faris kruco-signon per benita akvo el la bluŝtona akvujo, kaj dece envicigitaj eksidis apud unu el la flankaj kapeloj. De tie ni povis vidi la agadojn de la pastro en lia ore brodita kazublo (senmanika ofica supervesto).

Panjo estis jam metinta la porseĝan moneron en nian poŝon, por ke ni ne devu serĉi. De tempo al tempo preterpasis la preĝejgardisto, vestita per nigra arĝente brodita mantelo kun longa lanco en la mano kaj ruĝa rubando sur la ventro. Timiga persono!

Post la meso kun prediko, pri kiu ni komprenis nenion, kaj kiu ŝajnis daŭri horojn, ni finfine survojis hejmen. Ni same facile supreniris laŭ la fojnvojo, kvazaŭ ni mal-suprenirus. Tiel bone ni alkutimiĝis al la monta trairado.



Okazis, ke ni devis kunporti, laŭ bezono, unu aŭ du panojn de la bakisto, sur la placo. El la vico, ĉiam ni elektis panon, kiu havu multajn tuŝflankojn. La pano estis volvata en rulpapero kaj kunportata sub la brako supren, hejmen. Sed kiam paĉjo ne ĉeestis, ni baldaŭ malfermis la paperon ĉe flanko kaj serĉis la molan tuŝlokon. Ni detiris parton de la haŭto kaj ekludis kiel muso. Tiel bongustis la freŝa pano!

Foje, kiam la musoj iom tro profunde boris en la panon, panjo diris, ke ŝi ne ŝatas tion. Sed tio validis nur dum kelkaj tagoj. Ŝi tiam ektranĉis je tiu mustruita flanko kaj donis tiun tranĉ-aĵon al la kulpanto. Tio fakte ne estis vera puno, ĉar precize tiun flankon ni plej ŝatis.

Dimanĉe la manĝado estis iom pli prizorgata. Tiam ni unue devis anstataŭigi nian veŝtojn per trikitaj brusto-vestoj. Niajn pantalonojn ni ne devis anstataŭigi. La dimanĉajn ŝuojn ni anstataŭ-igis per la multe pli komfortaj sandaloj.

Viglaj ludoj, kia turboludo, tiam estis malpermesitaj, same kiel amuzlaborado kaj segado. Dimanĉe, ni devis zorgi ne malpurigi nin, kaj nur Dio sciis, kiu homo en tiu tago povus ankoraŭ viziti nin. Plejofte venis neniu, kaj se iam tamen iu venis, ni ne rajtis ĝeni la rondon. Kiam la vetero taŭgis, ni ludis ekstere.

## Ludetoj - rulringega ludo

Unu el la plej ŝatataj ludoj estis la rulringega ludo.




Per longa maldika rekta vergo ni faris ringegon. Ni bone ligis la ekstremaĵojn per forta maldika ŝnureto. Unue ni rulis ĝin de deklivo. Se la ringego estis taŭga kaj rulis rekten, la pli junaj knaboj ekuzis ĝin. Ni devis fari plurajn ekzemplerojn da ili, antaŭ ol povi fakte ekludi.

Tiam la defio estis: kiu unue atingos la kradon. La malsupreniro estis facila, ni eĉ devis bremsi la ringegon por kapabli sekvi ĝin. Sed suprenruli ĝin estis pli pene, ĉar necesis antaŭenfrapi ĝin kaj stiri ĝin en la ĝustan direkton kaj atenti, ke ĝi ne falu, ĉar tio signifis nepran malvenkon. La uloj kun la



MAJSKARABOJ



plej longaj kruroj kutime gajnis. De tempo al tempo ni lasis la etulojn gajni, por ke ili ne iru plendi ĉe panjo dirante, ke ili ne rajtis kunludi.

## Fajfiloj

Ni iam volis provi mem fari fajfilojn, kiajn paĉjo ofte tranĉis por ni, kaj kiajn ni mem poste kopiis ankoraŭ multfoje. Sur deklivo kreskis sambuko, kiu liveris la taŭgan materialon. Aĝantaj naŭ aŭ dek jarojn ni ŝteletis tranĉilon el la kuirejo kaj eksperimentis. Ni derompis kelkajn branĉojn de la granda arbusto. Sed baldaŭ okazis akcidento al mi ankoraŭ mallerta. Fortranĉante la ekstremaĵon mi estis trafata de la elsaltanta tranĉilo... Aj! Jen jam aperis guto da sango ĉe mia meza fingro. Mi tuj forsuĉis ĝin, sed baldaŭ aperis nova guto. Ĉar la vundo ekdoloris, necesis eniri la domon kaj voki panjon. Ŝi silente aperis kaj iris kun mi al la malgranda kuirejo, kie ŝi haltis sub la fifama ŝranketo, malfermis ĝin kaj prenis la timigan brunan boteleton da joda tinkturo. Ŝi verŝis iom el la enhavo sur pecon de bandaĝo kaj metis tiun sur mian mezan fingron. La rezulto estis plorado kaj kriado kaj dancado pro la pika doloro. Post kelkaj pliaj forviŝoj la sangado ŝajnis halti. Poste ŝi surmetis iom da ŝmiraĵo kun peceto da bandaĝo kaj per pli longa peco envolvis mian malfeliĉan fingron. La ekstremaĵon ŝi disŝiris kaj nodis la du vostetojn ĉirkaŭ mian manon. Kiseto sanigis kaj liberigis min de la doloro. La du aliaj knaboj, veninte spekti la operacieton, komentariis la okazantaĵojn. Poste ni ne tuj daŭrigis la fabrikadon sed la postan tagon, helpate de paĉjo, ni finfine faris niajn fajlilojn.

## Majskaraboj

Printempe post kelkaj varmveteraj tagoj aperis majskaraboj. En tia periodo ĉiu knabo havis alumet-skatolon en sia pantalonpoŝo. Ni distingis diversajn specojn: muelistojn aŭ melkistojn laŭ ilia grizeca grado. Ni plurfoje frumatene iris kapti "predikantojn" (la nomo de tiuj skaraboj laŭ nia loka lingvo). Precipe apud la heĝoj aŭ tilioj eblis trovi ilin. Necesis rapidi, ĉar post sunleviĝo la kaptoŝancoj nuliĝis. Ankaŭ eblis kapti ilin vespere. Kiam lumis la lampo, ili direktiĝis al la lumo kaj koliziis kontraŭ la fenestroj. Sufiĉis malfermi la fenestron kaj simple preni ilin, ĉar ili restis iom konfuzitaj pro la kolizio. Paĉjo tiamaniere kaptis multajn majskarabojn por ni. Ni metis ilin en malplenan alumetskatoleton kun kelkaj folietoj kiel nutraĵo, kaj metis ilin en nian varmetan poŝon. Multaj dommastrinoj, en tiu periodo, vane serĉis siajn bobenojn kun kudrofadeno, ĉar en tiu periodo tiuj estis parto de la ludilaro. Per nodeto, la fadeno estis fiksata je unu el la malantaŭaj kruretoj; la besteto estis metata sur la mandorson kaj jen, subite ĝi levis la antaŭajn malmolajn flugilojn kaj ekflugis supren. La gajnanto estis tiu, kies "predikanto" restis plej longe en la aero.

(daŭrigota) ★

www.lakaravelo.com



***Nikolaj Neĉaev***

### Evoluo de poezio

Min kuŝigis sur la liton lac'.
El naturo koren fluas pac'.
Ekaperas kore harmoni'
Kaj el harmonio poezi'
Kreskos flore alten kiel plant',
Kreskos al animo de legant'.

### Ĉu mi povas feliĉigi iun?

Mi ne povas feliĉigi homon
Kiu ne bezonas floraromon,
Melodion de abela zumo,
Romantikon de plenluna lumo,
Strebon al blueta horizonto,
Revon pri beleco de estonto.



***Paulo Viana***

### Dankon, lingvo!

Kiam soleco ektuŝas,
tiam mi babilas kun mia lingvo.
Mia lingvo neniam lasas min tute sola.
Ni amike, ĉiam milde interparolas.
Ĝi aŭdas miajn pensojn,
mi aŭdas ĝiajn sonojn;
ĝi mokas pri miaj argumentoj,
mi ridas pri ĝiaj mistonoj.
Mia lingvo konsolas min per siaj belaj vortoj:
"svelta"... "stelfrukto"... "tajdo"... "baroka"...
Mi ne havas similajn ideojn por ĝin kontentigi.
Mia lingvo similas kantantan infanon,
nubon sur orkolora sunsubiro,
plenan lunon en vintro,
ĉielarkon.
Mi estas tre danka al mia lingvo,
ĉar ĝi neniam lasas min tute sola.

*(Cabo Frio, 30/12/2006)*



*Djalma Pessata*

# UNIVERSALAJ KONGRESOJ DE ESPERANTO

## 1926
## 18-a Universala Kongreso de Esperanto




**Loko:** Edinburgo, Britio

**Dato:** 1-a ĝis 7-a de aŭgusto

**Aliĝintoj:** 960

Tiun kongreson prezidis William Main Page, kaj la sekretarioj estis John Mabon Warden kaj William Harvey.

Dum la kongresa diservo, en la katedralo de S-ta Giles, la Biblio en Esperanto estis solene lanĉata. Ĝia eldonado estis unu el la plej gravaj servoj, kiujn faris britaj Esperantistoj por la lingvo. La londona Biblio estis eldonita de la Brita kaj Alilanda Biblia Societo. La Malnovan Testamenton tradukis Zamenhof, kaj la Novan Testamenton tradukis komitato de anglaj pastroj.



Edinburga Universitato - 1926

### Dua Somera Universitato

En la 18-a UK okazis la Dua Somera Universitato. Tre interesa trajto de la Somera Universitato estis fako de folkloro kaj popolkanto. William Edward Collinson (1889-1969) prezidis la eventon.

Profesoro Fournier d'Albe (1868-1933) prelegis dum la Dua Somera Universitato, kiu okazis en Edinburgo kadre de la 18-a Universala Kongreso de Esperanto, en 1926. Ĝia temo estis "Sendrata Telegrafo kaj Televido" - temo tiam ne nur moderna sed antaŭtempa.

En la 18-a UK okazis aldona decido: prelegantoj de someraj universitatoj nur povas esti profesiaj profesoroj (aŭ almenaŭ homoj kun universitataj diplomoj).





*Cindy McKee*



# Kukurba torto

**TRADICIA PLADO ĜENERALE TROVEBLA
SUR LA FESTENA TABLO
DUM DANKOTAGO EN USONO**

## *KRUSTO (PASTO-DISKO)*

**Ingrediencoj**

1 taso da blanka tritikfaruno (ĉirkaŭ 125 g)

Pinĉo da salo

1/3 taso da vegetalino, lardo aŭ margarino (ĉ. 66 gramoj da solida graso)

2 aŭ 3 supkuleroj da akvo

**Preparado**

Miksu salon en farunon. Per forko, pecetigu la vegetalinon en la farunon, ĝis fajnaj eroj. Aldonu sufiĉe da akvo por ebligi formi la paston en bulon, kiu tenas sin kune.

Rulu la paston en platan rondon, samgrande kiel la uzota tortotelero, kaj metu ĝin en la teleron, kanelante la randon de la pasto, se vi volas.



**Freŝe bakita kaj metita flanken por firmiĝi.**

## *TAVOLO DA FLAŬNO*

**Ingrediencoj**

3 ovoj

2 tasoj da oranĝkolore kukurba kaĉo (ĉ. 453 g)

1 taso da kondensita lakto (ĉ. 220 g)

1 taso da sukero (ĉ. 192 g)

1 tekulero da pulvorigita cinamo (aŭ laŭplaĉe)

½ tekulero da pulvorigita pimento (aŭ mikso de muskato kaj kariofilo)

Pinĉo da salo

**Preparado**

Forte kirlu la ingrediencojn de la flaŭno. Poste sternu la flaŭnon sur la kruston.

*** Nedevige:** *Apartigu la ovoblankojn de la flavoj kaj ŝaŭmokirlu la blankaĵojn ĝis kiam ili formiĝas en memstaraj pintoj, kiel por meringo. La meringo iom malpezigas la konsiston de la torto. Miksu la aliajn ingrediencojn, inkluzive la ovoflavojn, en aparta bovlo, tiam envolvu en la meringon.*

Baku en forno je 195 gradoj celsiaj dum 45 minutoj, aŭ ĝis kiam tranĉilo enmetita 2 aŭ 3 cm enen de la rando eltiriĝas pura.

